# KATOLIKA MONDO

**Sendependa oficiala organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Gazeto de Internacio Katolika



Eldonejo kaj redaktejo: Graz. Aŭstrujo. Karmeliterplatz 5

Numero 1. 1921 | Aperos dusemajne | I. Jarkolekto 1921/22


# KATOLIKOJ ĈIULANDAJ, UNUIGU VIN!

La mondo staras sub la signo de l' internacieco. Sur ĉiuj kampoj de la homa agado la fortoj estas organizataj en internacia maniero. Tute kompreneble! La evoluo de la homa kulturo postulas la internaciecon ĉiuflanke, en la scienco ĉu teoria ĉu praktika, en la literaturo, la politiko, la ekonomio ktp.; ĉar la landoj iam plej malproksimaj hodiaŭ estas pliproksimigitaj unu al la alia per fervojoj kaj flugiloj, poŝto, telefono kaj telegrafo, eĉ senfadena, kaj precipe per la pli kaj pli kreskanta komuneco de la ekonomiaj bezonoj. Certe la epoko de l' internacieco komencis.

Ni bone ekkonu la signojn de la ĉielo, ni katolikoj ĉiulandaj, kaj eluzu, kion ni vidis kaj komprenis, ĝis la lastaj praktikaj konsekvencoj je profito de niaj altegaj idealoj, por la disvastigo de la regno de Dio sur la tero!

Bedaŭrinde oni devas konfesi, ke ĝis nun ŝajne aliaj pli bone ekkonis la signojn de la tempo, verigante la vorton de la Savinto, ke la filoj de la mallumo ofte ŝajnas pli prudentaj ol la filoj de l' lumo. Rigardu la judojn! Ĉu ili ne helpas unu al la alia en internacia maniero? Ĉu la fortego de la juda kapitalismo ne estas bazita sur laŭsistema eluzo de l' ora internaciismo, kontraŭ kiun la kristanoj ne povis starigi samvalorajon?

Cu la framasonaro ne estas subiginta la literaturon, la gazetaron, la politikon precipe per internacia interkompreniĝo de l' sendiaj fortoj? Ĉu ili ne pliobligis siajn laŭnumere tute ne superajn fortojn per la internacia sinunuigo? Kaj la socialistoj! Ilia forto estas bazita precipe sur la internacieco, kiu donas grandegan internan certecon al iliaj naciaj armeoj.

Ni katolikoj! Ĉu ne estas strange, ke ni, kies religio estas la unua supernacia, ja estas internacia laŭ la plej interna ideo, ĝis nun ne sufiĉe povis organizi praktike kaj eluzi niajn fortojn en internacia maniero? Preskaŭ oni povus eĉ pensi, ke kelkfoje la kontraŭdiaj fortoj klopodis firmigi la katolikojn en naciismo por malhelpi la plifortiĝon de la kristana kaj katolika ideo en la mondo! Ĉar la internacia forto de la kontraŭkristanoj certe estas pligrandiĝinta manke de konforma katolika internacio.

Plej urĝa tempo estas do certe ekalvoki laŭte la katolikaron tutmondan, por ke ĝi ekkonu la postulon de l' horo. Kontraŭ la grandegaj, internacie unuigitaj fortoj de la senkreduloj kaj kontraŭkristanoj, por la realigo de la misio de Kristo en la mondo, neniam pli urĝa ol hodiaŭ, la alvoko devas plifortiĝi de tago al tago, entuziasmigante ĉiujn disciplojn de la Dia Majstro:

KATOLIKOJ ĈIULANDAJ, UNUIGU VIN!

## EL LA ENHAVO:



# LA KATOLIKA MONDO.

Nia gazeto estas plenumo de multaj deziresprimoj el ĉiuj landoj. Vere katolika organo internacia estas bezonegaĵo por la katolikaro. Lia Papa Moŝto mem priparolis kun mi la aferon en la aŭdienco la 12. de Oktobro 1920, esprimante la bedaŭron, ke la diverseco de la lingvoj ĝis nun malhelpis la eldonon de tiela organo.

Ĉar la filosofio prave diras „kiu volas la celon, devas voli ankaŭ la rimedojn", ni devas eldoni la gazeton en la mondlingvo neŭtrala, facile komprenebla por ĉiu, kiu aplikas la tre malmultan tempon necesan por lerni la fundamenton de ĝi. Unueca katolika lingvo ebligos nian organon, ĝi ebligos ankaŭ veran internacian agadon de la katolikaro sur ĉiuj kampoj de la katolika vivo.

La eldono de nia organo estas risko pro la multaj malfacilaĵoj kontraŭstarantaj. Tamen ni devis riski ĝin, ĉar „kiu nenion riskas, nenion gajnas". Ni devis riski ĝin konfidante al la helpo de Dio, kaj al kies plia honoro ni volas servi, konfidante ankaŭ al la helpo de ĉiuj agademaj katolikoj en ĉiuj landoj. Je tio ni petas koregе.

Nia organo estu la financa propraĵo de ĉiuj katolikoj agademaj, kiuj partoprenu je la akcia societo „Paulus-eldonejo" per akcioj po 1000 aŭ 10.000 kronoj. Kiu volas partopreni por oferi la necesan kapitalon al nia internacia katolika eldonejo, sendu plej bone monon en la valuto de propra sia lando per poŝte registrita letero; eblan superaĵon ni kreditos al la sendintoj por la mendo de nia organo aŭ de libroj el nia eldonejo.

Nia organo do estu ne privata entrepreno de iu kapitalisto, sed la komuna afero de la katolikaro tutmonda. Do ĉiuj kunlaboradu por la sukceso! Ĉiuj varbu abonantojn; almenaŭ 3000 abo-

# LA PATRO.

De Leonhard Frank, esp. W. K.

Roberto estis kelnero en hotelrestoracio. Ordinara, blonda viro. Kaj kiam — rigidiĝinte en devota riverenco — li staris antaŭ gasto kaj akceptis mendon, rampis tra lia cerbo la penso: ĉiu alia profesio pli bone akordiĝas al la homindeco.

Li estis kelnero en germana hotelrestoracio.

Ĉe li la alŝovita trinkmono efikis kiel vangfrapo, por kiu oni devas danki. Kaj se la trinkmono venis de gasto, kiu estis pli malriĉa ol la ricevanto, el la ofendita homindeco de Roberto videble supreniris malestimo kaj kelkfoje pliiĝis ĝis venĝemo kaj impertinenteco. Okazis, ke Roberto redonis al tia gasto la trinkmonon. Doni krediton al distingitaj gastoj estis por li senŝarĝiĝo.

En la jaro 1894 lia edzino ricevis la longtempe vane atenditan filon. Kaj la amo de Roberto ĵetegiĝis al tiu ĉi infano. Tiu ricevis ĉion: infanĉambron, sterilizitan infanlakton, risorthavan infanveturilon, blanke lakitan stalon, arlekenojn, sabrojn, pafiletojn, plumbsoldatojn. Poste bastoneton, maristan vestaĵon kun ĉapo, sur kiu estis skribita „L. M. Ŝ. Hohenzollern", bovledan tornistron, kalkulmaŝinon kun ruĝaj kaj blankaj globetoj, poluritan grifelkesteton.

La filo ricevis violonlekciojn, devis lerni pianludon. Kaj vizitis la gimnazion. Li estu studenta. Ne fariĝu kelnero. Jam dekjara la filo posedis biciklon. Kaj dekdujara li apartenis al la patriota junularunuiĝo.

La vivo de Roberto elĉerpiĝis en la estado de la filo. Kaj la sentenco: Ĉiu laboristo meritas sian salajron, fariĝis lia mondpercepto. Roberto kvazaŭ flugis, plenumi la mendojn, riverencis, dankis por la trinkmono, riverencis, dankis, ŝparis, alprenegis, kalkulis, penadis, fariĝis ĉambrokelnero, donis al sekretaj amantaj paroj silentajn ĉambrojn por kelkaj horoj, fermis la okulojn, malleviĝis en abismon de amo por sia filo, sendis lin al la universitato, ricevis grizajn harojn, estis feliĉega je servado, feliĉega en sia filo, estis konservinta la infanvestetojn, la ludilaron: la sabretojn, la pafiletojn, la plumbsoldatojn. La ĉapeton, sur kiu estis skribinta „L. M. Ŝ. Hohenzollern".

La filo estis dudekjara. Li ricevis la soldatiĝan ordonon iun mardon, ricevis duonan jaron poste la Feran Krucon. Kaj en somero 1916 Roberto ricevis la sciigon, ke la filo estis mortinta sur la kampo de l'honoro.

Mondo estis disbatata.

La batitulo legis ĉiam denove: „Mortinta sur la kampo de l'honoro." La slipon li portis kun si en la leterujo inter la bankbiletoj. Li legis ĝin, kiam venis fremdulo kaj postulis ĉambron, kiam li staris apud la angulo de la bilardo kaj atendis mendojn, kiam, vokita de la sonorilo, li kuris laŭ la longa koridoro, li legis ĝin, antaŭ ol li eniris la ĉambron kaj kiam, la pagitan fakturon kaj la trinkmonon en la mano, li estis forlasinta la ĉambron. Li legis ĝin en la kuirejo, en la vinkelo, ĉie. „Mortinta sur la kampo de l' honoro." Tiu estas vorto kaj konsistas el ses literoj. Ses literoj, kiuj kune formis mensogon de tia infera potenco, ke tuta popolo povis esti jungita al tiuj ĉi ses literoj kaj tirita de si mem en la plej monstran suferon.

La kampo de l'honoro ne estis videbla, ne imagebla kaj ne komprenebla por Roberto. Tio ne estis kampo aŭ ebenaĵo, ne estis nebulo aŭ aero. Estis la absoluta nenio. Kaj al tio li devis sin teni. Dum sia tuta vivo. Malantaŭ li kuŝis nenio. Roberto staris en la mezo de la nenio.

Liaj manoj servadis, kvitancis, ricevis trinkmonojn. Por kio? Jam ne plu estis bankbiletoj. Kaj lia ŝparlibro estis por li la kampo de l' honoro. Kaj la kampo de l'honoro ne estis komprenebla.

Roberto donis la plej belajn ĉambrojn laŭ deziro por la duono de la fiksita prezo, aldonis ankoraŭ salonon, banejon. Li estis degradata subkelnero. Li donis en la restoracio sen rezisto la multekostajn manĝaĵojn kaj vinojn pli malkare, se al la gastoj la fakturo ŝajnis tro alta. Pro tio li nur ankoraŭ estis okupata por kunhelpo, kiam en la granda hotelsalonego okazis festo aŭ kunveno.

Ĉu ekzistis io pli sensignife ol esti elpuŝita el la ekzistado? Ĉio tio nur estis la kampo de l'honoro. Estis absoluta nenio.

Ofte li troviĝis en la ĉambro de sia filo, kien li dum la milito estis kunportinta la fotografaĵojn, infanrobetojn, sabretojn, tamburetojn, pafiletojn, plumbsoldatojn kaj sentis nenion dum la rigardado de tiuj ĉi flaviĝintaj kaj gratitaj restaĵoj; aŭtomate, kiel li estis enirinta, li reeliris.

Tiu ĉi stato, dum kiu Roberto sin movis nur ankoraŭ kiel maŝino, daŭris semajnojn, ĝis iun tagon la homo en li trovis la forton, sin prezenti al la doloro. El lia mano falis la fotografaĵo de sia fileto — en infanteria uniformo kun prezentita pafileto — kaj Roberto falegis, frapite de vapormartelfrapo, malsupren en la abismon, la koro nudigita al la doloro kaj al la amo. Roberto ekkriis. Nur unu fojon. Kaj tute mallonge.

Tuŝite de io nenomebla, li evitis la senŝarĝiĝon, kiu kuŝas en la doloro.

Kaj kiam lia edzino volis konsoli lin per la vortoj, kiujn ŝi estis preninta de la butikisto, bakisto kaj de la najbarino, kiujn premis la sama sufero: „nun oni egalanime devas elporti", ŝi ektimiĝis pro la danĝere aspektantaj okuloj de Roberto kaj silentis.

(Daŭrigota.)

nantoj devas esti por bone garantii la organon. Oni varbu precipe la ĉefajn gvidantojn de la katolika agado en ĉiu lando, la pastrojn, profesorojn, deputatojn, verkistojn ktp., ankaŭ se ili ĝis nun ne scipovas nian lingvon! La opa vendado de „La katolika mondo“ estas precipe rekomendinda.

Ankaŭ laŭenhave nia organo estu komunaĵo de la katolikaro tutmonda. La supereco de nia organo estu la senpera kunlaborado de verkistoj kaj korespondantoj el ĉiuj landoj. Per tio nia organo peradas vere objektivan enrigardon en la katolikan vivon en ĉiuj landoj, kiel ĝis nun neniam estis eble. La redakcio, kiu nur volas servi al la interesoj de la eklezio, al la vero kaj amo, al la reciproka interkompreniĝo de ĉiuj celadoj inter la katolikoj, promesas kiel eble plej senpartian informservon pri ĉio. Niaj legantoj helpu al tio per vigla kunlaborado al la informservo pri ĉiuj gravaj faktoj en la katolika agado de siaj hejmlandoj. Oni klopodu ankaŭ gajni en ĉiuj landoj la ĉefajn agadistojn el ĉiuj fakoj de la katolika agado al kunlaborado; se ili ĝis nun ne povas skribi en Esperanto, ili skribu en sia nacia lingvo tradukota poste en Esperanto.

Kritikoj, proponoj ĉiam estos bonvenintaj ĉe ni. Ĉiu tamen certe scios, ke komence nia organo ne povos plenumi ĉiajn eĉ tre pravajn dezirojn; nia klopodo estos, pli kaj pli perfektigi la organon laŭ la enhavo kaj se eble ankaŭ laŭ la plioftigo de la eldoniĝo: nia deziro estas, kiel eble plej baldaŭ aperigi ĉiusemajnan bone redaktitan gazeton vere internacian. Ĉiu kunhelpu, por ke nia gravega entrepreno sukcesu kaj per tio estu pli kaj pli atingata la plej alta celo, al kiu servu laŭpove nia modesta organo:

La katolika mondo!

---

# LA VIVANTA KRISTO.

Ĉu vi vidis la Kriston vivantan en la mondo? Iufoje, antaŭ multaj centjaroj li tramigradis la belflorajn kampojn de la benita lando, sub palmoj kaj cipresoj je la ombroriĉaj bordoj de la lacefluanta Jordano ĝis la bluĉarmaj ondoj de la lago de Genezareth, benante la infanetojn, satigante la malsatojn, konsolante la malĝojojn je ilia koro, resanigante la malsanulojn kaj revivigante la mortintojn. — Jen la vivanta Kristo en la mondo kun siaj belaj okuloj amoriĉaj kaj siaj manoj superfluantaj de bonfaroj . . .

Sed la maldankema popolo ne konante la Dian homon alfiksis sian bonfaranton je la sangruĉa Kruco kaj mortante li ekkriis jenan kordisŝirantan ekkrion terure sonantan tra la centjaroj: „Patro, patro, kial vi forlasis min?“ — Kaj la suno estingiĝis je la ĉielo kaj la vivo estis mortinta sur la tero . . .

La vivo reviviĝis en belluma paska mateno ĝojegoplena venkante por ĉiam la ĉiopovan Morton, la eternan kontraŭulon de la vivo elĉiela. Do ĝojegu kristanaro! Vivas la Vivo kaj mortinta estas la Morto!

Tamen post kvardek tagoj la filo de la homo iris hejmen al la ĉiela patro kaj denove li forlasis la homaron! La eterna reĝo de la vivo foriris por ĉiam! Ho doloro!

Sed ĝojegu kristanaro, li vivas, la reĝo de la vivo, la brila suno je la terura nokto de la mallumiga morto. Li vivas en niaj tabernakloj, li vivas en niaj koroj, li vivas en la tutmonda kristanaro. Ĝi ja estas la vivanta kaj videbla korpo de Jesuo-Kristo, tra kiu fluadas la viviganta Spirito de la dia vivo eterna.

Jen la plej profunda misterio de la sankta religio supernatura, la Kristo vivanta en la homaro suferanta kruele je la malluma nokto de la mortiga peko . . .

Sed la malfeliĉaj popoloj ne konas lin kaj tial la Vivo plej ofte estas morta inter ni. Aŭ kie vivas hodiaŭ Kristo efike? En niaj familioj seninfanaj? En niaj modernaj urboj? En la palacoj de la riĉuloj superfluantaj de lukso kaj malsparo kaj malbono? Aŭ en la loĝejaĉoj de la malfeliĉaj klasoj neposedantaj, kie reĝas la malsato kaj la zorgo kaj la anima morto? Kie vivas Kristo hodiaŭ? Ĉu en niaj universitatoj aŭ altaj lernejoj, en la publikaj institucioj aŭ en niaj parlamentoj ofte sendiaj? Aŭ en la interŝtata kunvivo de la popoloj? Kie estis la vivanta Kristo dum la lastaj jaroj militaj?

Plorante en sia amodolĉa koro li iris tra la kampoj ruĝaj de frata sango, tra urboj kruele ruinigitaj, tra preĝejoj malsanktigitaj kaj kun voĉo plena de amo kaj kompato li preĝas: Popoloj miaj, kial vi forlasis min, la elĉielan vivon? — Jen tial reĝas la malluma morto kruele inter vi! . . . Kaj malĝoje li iras ĝis la tomboj sennombraj de la mortigitaj kaj etendante la benoplenajn manojn al ĉielo li petegas la naciojn disŝiritajn: Fratoj miaj karegaj, en la nomo de la mortintoj, pardonu vi unu al la alia! Mi ja estas via lumo, mi via vivo, mi via paco . . .

Jen la Kristo vivanta en la mondo! Fr. J.



# INTERNACIA LIGO DE GAZETELDONISTOJ KATOLIKAJ.

Estas konata fakto, ke la gazetaro en ĉiuj landoj pli kaj pli „trustiĝas“, t. e. ke karteloj aĉetas opajn gazetojn por eldoni se eble multajn gazetojn je komuna spirita kaj financa intereso. Tre domaĝa fakto! Ĉar tiamaniere pli kaj pli da gazetoj perdas la memstarecon por servi fremdajn interesojn, precipe la interesojn de iu juda-bankkartelo. Bedaŭrinda, sed neŝanĝebla fakto! Ĉar pro la konkuro inter la gazetoj, pro la vere grandegaj postuloj realigindaj per moderna gazeto de si mem la gazetoj estas devigataj ligiĝi unu al la alia por povi konkuri en la malfacila rivala batalo de la hodiaŭa gazetaro.

Niaj katolikaj gazetoj estas multe malutiligitaj per ĉi tiu evoluo. Ili ne plu povas konkuri kun la aliaj, kiuj havas pli da eblecoj, ekzemple ĉar ili trovas la helpon de la kapitalistoj, ĉar ili, ne rifuzante la nemoralajn kaj nehonestajn, havas pli da anoncoj! Kaj pro la plia kapitalo entreprena ili povas ankaŭ fakte pliriĉigi siajn gazetojn en maniero ofte neebla al la katolikaj organoj malgraŭ ilia bona volo. Kaj ĉar ili povas esti pli interesaj kaj riĉenhavaj, ili gajnas pli da abonantoj kaj pro tio laŭnature pli da anoncoj kaj fine pli da entreprena kapitalo . . .

Des pli granda domaĝo por la katolikoj, ĉar la influo de la gazetaro estiĝas pli kaj pli forta en la mondo, influo bona, se la gazetaro servas al la bono, al la religio kaj la kristana kulturo, sed malbona, se ĝi estas en la manoj de nekreduloj, judoj, framasonoj ktp.

La evoluo ŝajnas devigi la eldonistojn katolikajn, ke ili unuiĝu por povi resisti al la fortoj de la kontraŭuloj. Ĉu ne estos eble, ke la eldonistoj katolikaj de ĉiu ŝtato povu formi ligon, eble akcian societon registritan, por helpi unu al la alia, por krei instituciojn servantajn al la pliboniĝo kaj plirentigo de la katolika gazetaro? Ĉu ili ekzemple ne povos krei proprajn paperfabrikojn por esti memstaraj kaj sendependaj en krizaj tempoj kiel la estintaj, kiam preskaŭe la judoj estus malhelpinte la eldonon de katolikaj gazetoj malliverante la necesan paperon? Ĉu ili ne povus krei anoncajn agentejojn, kiuj zorgus por la katolika anstataŭ la juda gazetaro? Kiuj povus purigi la anoncan parton de la gazetoj de la malhonestaj anoncoj kaj ankaŭ de la trompigaj reklamoj, kiuj nur forprenas la monon el la poŝoj de la kristanoj? Ĉu la legantoj ne gajnus konfidon je la katolikaj gazetoj, se ili scius, ke ĉi tiuj estus kiel eble plej bone ekzamenintaj per speciala oficejo la reklamojn antaŭ la publikigo? Certe per tio la katolika gazetaro unuflanke agus pli bone laŭ siaj principoj, aliflanke ankaŭ ĝi havus utilojn de tio, ĉar oni gajnus anoncojn en pli granda nombro pro la plia konfido de la legantoj al ŝia gazeto. Ĉu komuna oficejo ne povus eldoni por unu lando rakontajn aŭ amuzajn aldonaĵojn por la katolikaj gazetoj, pli bonajn kaj enhavajn ol estinte? Ĉu ĝi ne povus liveri al la katolika gazetaro liston de la teatraĵoj, filmoj, libroj ktp. rifuzindaj aŭ rekomendindaj el katolika vidpunkto?

Kaj se la ŝtataj societoj de katolikaj gazeteldonistaj unuiĝus fine en internacia ligo aŭ societo, kiom da utilojn povus alporti tiela solidareco por la katolikaj aferoj! La internacia societo povus starigi la telegrafan oficejon kristanan sendependan, kiu tiel ofte jam estis postulita por forigi la dependecon de tute nekristanaj telegrafoficejoj! Ĝi povus internacie organizi la informan servon por la katolika gazetaro ĉiulanda, tiamaniere ke ĝi servu al la vero kaj bono anstataŭ — kiel ofte hodiaŭ — nur al privataj kapitalistaj interesoj kaj kelkfoje eĉ al mensogo kontraŭkristana.

Ĉar la utiloj ŝajnas tiel gravaj kaj grandaj, oni devas tre ekzakte pripensadi la aferon, diskuti ĝin ĉe fakaj konferencoj naciaj kaj internaciaj, kaj fine realigi ĝin kiel eble plej efike. La „Internacio Katolika“ certe volonte kunhelpos al la gravega entrepreno.

La propono estas prezentita al la diskutado. Do ĉiu kundiskutu kaj kunhelpu! Ni volonte publikigos artikolojn kun praktikaj proponoj ĉiuspecaj.

M. Drx.

---

# INTERNACIA KATOLIKA HELPORGANIZACIO.

Nia Sankta Eklezio, kiun Kristo fondis por la savo de la tuta homaro, estas destinata konduki ĉiujn popolojn al Kristo kaj penetri la tutan personan, familian, socian, ŝtatan kaj interŝtatan vivon per la spirito de viva kristaneco. Por realigi tiuspecan taskon grandegan la Savinto mem starigis la sanktan hierarhion, kiu fakte estas la plej admirinda organizacio internacia de la tuta mondo. Laŭ la Dia volo ĝi do estas la fundamento de ĉia katolika laboro internacia. Tamen la taskoj, kiujn la Sankta Eklezio devas plenumi sur la terrondo, estas tiel multnombraj kaj malfacilaj, ke jam depost la tagoj de la Apostoloj, la hierarhio sole ne povas realigi la principojn de nia religio sur ĉiuj diversspecaj agadampleksoj de la homara civilizacio. Ĉar ĝia ĉefa devo, la plenumo de la instrua, sacerdota kaj pastra oficoj jam forprenas preskaŭ ĉiujn fortojn. Pro tio ni vidas, ke la hierarhio mem alceladis la kreon de agemaj helporganizacioj, kiuj klopodas realigi la katolikajn principojn en la diversaj sferoj de la kultura agado.



Tiuspecaj helporganizacioj estiĝis tiom pli necesaj depost la fino de la mezepoka periodo. Ĉar depost tiuj tagoj la kleraj laikoj konkeris iom post iom la diversajn kampojn da la publika agado, la belajn artojn kaj sciencojn, la universitatojn kaj lernejojn, la publikajn oficojn administrajn. Kaj jen! Nun la senpera influo de la hierarhio ĉesis en la nomitaj agadampleksoj de la kunvivo publika.

Sed malfeliĉe ni devas konstati la doloriĝan fakton, ke depost tiuj tempoj multe da kleraj laikoj forlasis kaj eĉ kontraŭbatalas la kristanan religion. Tiam ekkomencis la ĉiama konflikto bedaŭrinda inter la „mondana“ kaj „eklezia“ kulturo. Sed la taktiko de la kontraŭeklezioj estas tre ruza. Ĉar malofte ili batalis rekte kontraŭ la religio mem.

Ili nur klopodas celkonscie konkeri la diversajn kampojn de la publika agado kaj forpelas el ili tiamaniere la praktikan kristanecon. Ĉiam saĝe uzante la plej taŭgajn ilojn de la moderna tempo ili fakte sukcesis gajni por si la universitatojn, la altajn lernejojn, la publikajn oficojn, la ĵurnalojn, teatrojn, kinojn, la telegrafagentejojn kaj precipe la parlamentojn, por disvastigadi ĉiam kaj ĉie siajn kontraŭekleziajn tendencojn.

Sed la plej grandan influon ili atingis per sia internacia kunligiĝo; ĉar tiamaniere ili sukcesis organizi la batalon en ĉiuj kulturaj ŝtatoj samtempe kaj laŭsisteme. Mi ĉi tie nur mencias la du ĉefajn potencojn nuntempe internacie organizatajn, la framasonaron kaj la socialismon materialistan. La unua konkeris plej grandparte la superan klason de la kleruloj, t. e. de la gvidantoj en la publika vivo, la dua fremdigis la malfeliĉan klason de la neposedantoj al la Sankta religio.

Kaj jen! Al ĉi tiuj tutmondaj potencoj jam bone organizitaj internacie kontraŭstaras hodiaŭ la Sankta Eklezio. Ĝia nuna tasko, rekonduki la popolojn modernajn al Kristo, estas vere grandega kaj malfacila. Eĉ ŝajnas al mi, ke ĝi nur povas esti plenumota, se ni katolikoj sukcesas, kolekti niajn fortojn ĉiulande kaj organizi ilin laŭsisteme. Sed tio ne sufiĉas hodiaŭ. Ĉar niaj kontraŭuloj estas unuigitaj internacie, do sendube estas la plej urĝa tasko, krei universalan helporganizacion, kiu, bazante sur la katolikaj fortoj laŭŝtate organizataj, ebligas la laŭcelan kunlaboradon de la katolikaro tutmonda laŭ la intencoj de la sankta hierarhio.

La formo de tiucela helpa organizacio internacia povas esti diversspeca. Tamen mi opinias, ke ĝi devas esti simpla, t. e. sen multaj kaj superfluaj organizaj formalaĵoj, laŭnatura, t. e. konvena al la organiza formo de la sankta hierarhio, kaj universala, t. e. ampleksanta tutan la sferon de la homaj agadoj, kultura kaj religia.

Nu, nia Eklezio estas la vivanta korpo de Jesuo-Kristo. Kiel la korpo estas unueca organizaĵo kun multaj diversspecaj membroj, tiel ŝajnas esti la plej konvena laŭ la eco de la Sankta Eklezio, ke la internacia helpa organizo estu unu universala kaj unueca organizacio tutmonda kun multaj diversspecaj kaj memstaraj membroj, kies kapo estas la de Kristo starigita hierarhio.

La tuta publika agado de la homaro el si mem disfalas en multaj laborampleksoj memstaraj, ekz. la scienco, la instruado, la publika administrado, la socia agado ktp. Por multaj tiuspecaj ĉefsferoj jam ekzistas en diversaj ŝtatoj katolikaj helporganizacioj naciaj.

La celo de l' internacia helpa organizo do devas esti unuigi la jam ekzistantajn kaj laŭŝtate organizitajn fortojn katolikajn al laŭplana kunlaborado internacia. Jen la plej simpla vojo. Oni formu laŭeble kaj laŭbezone por la ĉefaj ampleksoj da la katolika agado publika ekz. por la katolika laborista, junula, virina, instruista, komercista, gazetara ktp. movadoj iom post iom internaciajn fakorganizaciojn, kiuj sendepende kaj memstare organizos la internacian kunlaboradon en sia laboramplekso por reciproka subteno kaj plenumo de komunaj taskoj. Tiamaniere oni povus jam nun krei internacian organizon por la katolikaj virinoj, gejunuloj, laboristoj, ĵurnalistoj, komercistoj, por la movado gazetara, socia, karita ktp. Precipe estas necesa internacia kunligo de la katolikaj politikistoj kaj parlamentanoj, ĉar ili ja povas realigi plej efike la kristanajn principojn per laŭplana internacia kunlaborado.

La internaciaj fakorganizaĵoj tiamaniere kreotaj el si mem kunligiĝos al unueca kunagada organizacio, kiun ni plej bone povas nomi „internacia katolika laborunuiĝo“ (Internacio katolika), por kune realigi la grandegajn taskojn tutmondajn, kiuj estas komunaj por ĉiunaciaj katolikoj. Grandega estas la nombro de niaj taskoj komunaj.

Mi nomas nur kelkajn: la kreo de internacia gazetara servo, de katolika telegrafagentejo, de kinocentrejo, la starigo de internaciaj katolikaj universitatoj, de katolikaj bankoj; la reprezentado de la katolikaro ĉe la Ligo de la Nacioj aŭ aliaj internaciaj institucioj ktp. La definitiva statuto de la supre nomita internacia laborunuiĝo devas esti ellaborata per internacia komitato kaj aprobata de Lia Papa Moŝto.

Por realigi tiujn ĉi grandajn taskojn iom post iom, la perfektigo de granda agad-kapabla Internacia Centra Oficejo estas tute necesa. Ĝi ja devas interligi la samtendencajn movadojn kaj samfakajn organizaciojn naciajn por prepari la nomitajn internaciajn fakorganizaĵojn; ĝi devas propagandi la ideon, organizi la internacian delegitan sistemon destinante en ĉiu urbo reprezentanton por helpa kaj informa servoj; ĝi devas publikigi internacian jurnalon, eldoni internacian adresaron katolikan ktp.

Kiel mi jam diris komence, tiuspeca helpa organizacio internacia nur povas ekzisti en intima kunligo organiza kun la sankta hierarhio. Ĝia unua tasko ja devas esti plenumi ĉie kaj ĉiam la intencojn de la Sankta Apostola Seĝo. Sed por montri la internan kunligon ankaŭ eksteren kaj garantii la ĉiaman submetiĝon al la eklezia aŭtoritato, oni eble povus proponi jenan formon:

La internacia helpa organizacio laŭstatute estas devigita, ĉiam kaj ĉie agadi laŭ la intencoj de la Sankta Seĝo Apostola, kiu havas la ĉefan inspektadon de la internacia oficejo. Plue reprezentanto de Lia Papa Moŝto devas esti membro direktanta de la internacia estraro kaj ĝia statuto kaj ĉiu statutŝanĝo devas esti aprobata de la Papo.

Tiuspeca helpa organizaĵo internacia sendube povas plenumi grandajn servojn al la kristanaro en ĝiaj internaciaj bataloj. Laŭ la ĝisnunaj spertoj de la Internacio Katolika, kiu klopodas realigi tiuspecan helporganizacion, jam hodiaŭ ekzistas ebloj por ĝia kompletigo dum la sekvontaj jaroj per laŭplana kunlaborado de ĉiuj samtendencaj movadoj sub la patroneco de la Sankta Apostola Seĝo.

Kaspar Mayr, Graz.

## KATOLIKA KOMUNECO FAMILIA.

Ut omnes unum! Ke ĉiuj estu unu! Unu familio de gefiloj de Dio Patro, do de gefratoj! Tio estis la deziro de nia Dia Majstro.

La familio de Kristo devas esti realigata eĉ trans la limojn de la propra lando. Ĝuste per tio oni povus rekoni la unuigantan forton de la Kristana amo.

Precipe la vojaĝanto sentas hodiaŭ la mankon de la familia komuneco, se li transiras la landlimojn. Ĉu ne estus eble plibonigi ĉi tiun situacion?

La **„Internacio katolika“ (Ika)** alcelas realigi laŭpove tiun ĉi deziron pere de siaj lokaj delegitoj. En ĉiu urbo estu starigota loka delegito de Ika, kiu prenas sur sin la taskon, esti la libervola konsulo por la eksterlandaj samkredanoj katolikaj. Ĉiu Ikaano estas rajtigita turni sin al la loka delegito por demandi malgrandajn helpservojn ekzemple per la anonco de bonaj hoteloj, restoracioj ktp. Memkompreneble la delegito ne povas esti devigata fari servojn, kiuj postulas tro multe da tempo aŭ eĉ da mono; en la mezuro, kiom li kapablos, li tamen certe helpos per konsilo kaj bonfaro al la fremdlanda samkredano. La institucio de la delegitoj iĝos praktika precipe pro la cirkonstanco, ke post la plena realigo de la delegita sistemo oni trovos en ĉiu granda urbo de la mondo fratan amikon, kun kiu oni povos bone interbabili en la sama lingvo, en Esperanto. Se la okupiĝo de la delegitoj iĝus tro granda, oni povos starigi anstataŭantojn, eble delegitojn por diversaj profesioj, aĝoj, seksoj, fakoj ktp., tiamaniere ke ĉiu trovu sampensulon en ĉiu urbo.

Ankaŭ por la informservo la delegita sistemo povos atingi grandan gravecon. Se mi bezonos sciigon pri ne tro malfacile sciiĝebla afero de alia lando, mi skribos — ankaŭ en la sama mondlingvo — al la koncernata delegito de Ika, memkompreneble aldonante la poŝtelspezojn, kaj mi ricevos la necesajn informojn. Kiun utilon povus alporti tiela ebleco por la katolika gazetaro, ekzemple se iu kontraŭkristana gazeto publikigas alie nekontroleblan kalumnion aŭ mensogon kontraŭ la eklezio! Per Ika kaj ĝiaj delegitoj oni facile ekscios la veron kaj povos refuti publike la mensogojn! Kiel facile estonte oni povos pligrandigi kaj plibonigi la efikan internacion de ĉiuj fakoj de la katolika agado, se Ika estos publikiginta la internacian adresaron katolikan!

Kiu ajn estas kompreninta la gravecon kaj belecon de ĉi tiu ideala plano de Ika, certe kunhelpos, kiel eble plej baldaŭ realigi ĝin. En ĉiu sufiĉe granda urbo, por ĉiu regiono en ĉiu lando anoncu sin fervora katoliko plena de oferema karito por preni sur sin kaj plenumi la oficon de delegito. Precipe la membroj de Blanka Kruco en ĉiuj landoj trovos en la delegiteco la plenumon de prakristana helpema amo kaj certe kunlaborados volonte laŭ la idealo de Blanka Kruco. Se eble komence oni nur tre malofte demandos la servon de la delegitoj, tamen jam la konscienco por ĉiu katoliko, ke li povos trovi en ĉiu lando helpeman samkredanon, estas multe ĝojiganta, estas granda servo al la disvastigo de nia idealo:

KATOLIKA KOMUNECO FAMILIA.

Fr. P.

## LETERO EL SVISUJO.

Por karakterizi la nuntempan situacion de la katolika kaj religia vivo en Svisujo oni devas kompari la hodiaŭan vivmanieron kun la estinta. Multaj ŝanĝoj, ne ĉiuj plibonigaj, povas esti konstatataj. La antaŭa simpleco kaj modesteco de la vivmaniero bedaŭrinde pli kaj pli ĉesis al lukso kaj ĝuemeco, ankaŭ ĉe la katolikoj. La memkomprenebleco de laŭreligia vivo ne plu ekzistas kiel estinte pro la trogranda nombro de kontraŭuloj, kiuj kontraŭagadas la kredon kaj ofte ankaŭ la moralon, kiuj regule estas unuigitaj en societoj ĉiuspecaj; bedaŭrinde ankaŭ multe da „neŭtralaj“ societoj laŭvere estas malutiligaj sub religia vidpunkto, ekzemple multaj unuiĝoj de sporto, migrado, amuzo ktp.

Tamen ankaŭ la katolika vivo trovis novajn rimedojn de laŭkreda kaj religia edukado; ekzemple la unuiĝoj de gejunuloj katolikaj, eĉ de geinfanoj, la kongregacioj de junviroj kaj virgulinoj, la religiaj aroj de viroj kaj virinoj, precipe de patrinoj ktp.

La vizito de la diservo estas bona, precipe sur la kamparo; en la urboj la amuzemeco kaj sportemeco tamen pli kaj pli kontraŭas la regulan viziton de diservo kun prediko.

Ankaŭ en la familia vivo ofte la antaŭa ideala penso malplifortiĝis; precipe en la rilatoj inter gepatroj kaj gefiloj ofte suferas pro la hodiaŭa spirito de sendependeco de la junuloj, de maltroa amo respektema ĉe la gepatroj. La disigo de la edziĝoj plimultiĝas pro la ofta manko de edza fideleco. Grandan malutilon al la eklezio alportas la dukonfesiaj (-miksaj) edzecoj precipe en laŭkonfesie miksitaj regionoj.

La multspecaj malbonoj tamen kreis tre benplenan institucion, la „enlandan mision“, societon de katolikoj por ebligi la prizorgon de la animoj en la protestantaj regionoj, konstrui preĝejojn kaj preĝejetojn, krei prebendojn por parohoj ktp. Ĉirkaŭe 150 parohejoj estas kreitaj per ĉi tiu bonega societo, pojare preskaŭ 450.000 frs. estas kolektataj, vere grandajn en la katolika agado de la Svisujo.

La „enlanda misio“ estas nur membro de la „katolika popola ligo“ kiu ampleksas la tutan katolikan Svisujon kaj havas germanan, francan kaj italan prezidantojn, vere modela agema organizo de la katolika agado. Krom la enlanda misio estas branĉoj de la popola ligo la ligoj de karito, de edukado, de instruistoj, de viroj, kaj virinoj, por literaturo kaj gazetaro. Ĉiuj agadas fervorege dum tuta la jaro, eldonante apartajn gazetojn ktp. La ĝenerala kunveno de la popola ligo okazas nur po tri jaroj, sed tiam dum kelkaj tagoj kiel granda manifestacio de la katolika vivo, simila al la famkonataj germanaj tagoj de katolikoj.

Dum la jaro laboras ĉiutage por la katolika movado la ĵurnaloj bone redaktitaj; eble kelkfoje mankas iomete la forto, la iniciativo je la pritraktado de la grandaj problemoj de l' estanto grandege tuŝantaj la laŭvivajn interesojn de la eklezio. Pro la gravegaj danĝeroj de la nuntempa situacio pli kaj pli necesas varbema propagando por la katolikaj ideoj kaj idealoj en la mondo.

Resumante ni povas konstati ke la katolika agado en Svisujo pli kaj pli fortiĝas. Precipe inter la gejunularo progresas la konvinko, ke katolika agado celkonscia kaj laŭprincipa sole liberigos la mondon.

Kanoniko Ky, Svisujo.

**K. M.** ne estu organo por la Esperantistoj nur! ĈIU katoliko interesiĝanta pri la problemoj de la nuntempa mondo kaj la movado katolika ĉiulanda DEVAS legi ĝin. Li lernos KOMPRENI Esperanton en kelkaj horoj! Do interesiĝu en ĉiuj landoj la pastrojn, profesorojn, politikistojn, redaktorojn, gvidantojn de la socia kaj katolika agado!

**Kiu?** helpos al K. M. per mondonaco je plia disvastigo?

**Kiu?** forsendos persone specimenajn numerojn al interesiĝantaj? (Ili estas haveblaj ĉe la eldonejo, se postulite, senkoste)

**Kiu?** varbos abonantojn perigante plej bone persone la monsendon al la eldonejo?

**Kiu?** kunlaborados je la eldono per (se eble regulaj) artikoletoj kaj sciigoj pri la katolika movado en ĉiuj landoj?

**Kiu?** perigos al K. M. kunlaborantojn en ĉiuj landoj?

**Kiu?** volas, ke la mondo katolikiĝu pere de K. M.?

## LETERO EL ĈEĤOSLOVAKUJO.

La eklezio en nia nova ŝtato, fondita la 28. de oktobro 1918, devas superi multajn malfacilaĵojn. 90% de l' anoj de nia ŝtato estas laŭkonfesie romkatolikoj, sed bedaŭrinde tre granda parto de ili estas katolikoj nur laŭ baptatesto; la liberalismo kaj la protestantismo multe kontraŭlaboris jam delonge la katolikan konvinkon. Post la starigo de la respubliko ĉeĥoslovaka tiu ĉi kontraŭmilito eĉ plifortiĝis. Oni riproĉis la katolikojn, ke la romkatolika eklezio kontraŭstaris la nacian memstarecon apogante la malnovan ŝtaton habsburgan per ĉiuj iloj; do la forta nacia konvinko ŝajnis pravi rigardante kiel malamikojn la reprezentantojn de la romkatolika eklezio. Sekve de tio oni komencis persekuti la eklezion kun la ŝtata potenco, kaŝe aŭ malkaŝe. Laŭ instigo de la liberpensuloj eklezio kaj ŝtato ĝis nun tre intime ligitaj estu disigitaj, la eklezio perdu ĉiujn privilegiojn de l' estinto. Sistema persekuto de ĉiuj katolikaj institucioj komencis; ekzemple oni forigis la famkonatan kolonon de la sankta virgulino for de la publika placo de Prago, renversis proksimume 300 bildojn de St. Johano Nepomuka, forprenis la bildojn de l' Savinto el la lernejoj ktp. Bedaŭrinde ankaŭ granda parto de pastroj helpis al la malutiligo de la eklezio troigante siajn reformajn postulojn, ja fine je la 8. jan. 1920 ili eĉ. starigis la „ĉeĥoslovakan eklezion“ disigitan de Romo; ĉe 30 parohoj estis forprenitaj de la apostataj pastroj (ĝis nun ĉ. 200). Komence de ĉi tiu jaro ĉiuj kontraŭkatolikaj fortoj kunagadis por atingi, ke la kredanoj postlasu la eklezion; fakte la eklezio perdis per tio 10% de siaj membroj.

Sed la persekuto de la eklezio ne nur havis malutilojn por ĝi. Perdinte la mortintajn branĉojn la arbo de la eklezio juniĝis kreskigante kaj verdigante novajn branĉojn kaj branĉetojn. La religia vivo en Ĉeĥoslovakujo sendube en la lasta tempo gajnis multe da forto kaj fervoro. La hierarhio estis renovigata de la sankta patro. Precipe la ĉefajn seĝojn episkopajn ekokupis vere apostolaj viroj: Mgr. Kordaĉ estiĝis ĉefepiskopo de Prago, Mgr. Stojan de Olomuco. La oficialaj interrilatoj inter la apostola seĝo kaj la ĉeĥoslovaka ŝtato jam estas renovigataj per la apostola nuncio en Prago, Mgr. Micara.

La granda plifortiĝo de le katolika movado estis lastatempe videbla precipe ĉe la kongreso de la gestudentaro kaj klerularo katolika (9. ĝis 13. julio), kiun partoprenis pli ol 3000 personoj.

# Kiel oni mendas K. M.??

Pro la nuntempaj necertaj cirkonstancoj ekonomiaj ni decidis novan metodon de abono: Po 10 numeroj de nia gazeto estas kolekto antaŭpagebla. La eldonejo garantias la liveron de la unua kolekto pagita laŭ la kondiĉoj publikigataj. Oni eldonos la unuan kolekton tiamaniere, ke la kolekto de 10 numeroj finiĝos, se ajn eble, je la 1. de aprilo 1922. La duan kolekton de 10 numeroj poste komencontan oni liveros tiamaniere, ke ĝi finu je la 1. de oktobro 1922. Ĝis tiu ĉi dato ni esperas havi tiom da abonintaj dank' al la helpo de niaj legantoj, ke ni povu eldoni la gazeton posemajne, permesante ankaŭ pli favorajn kondiĉojn de l' mendo.

Oni povos tuj antaŭpagi ankaŭ la duan kolektou, kio estas praktika precipe por la loĝantoj en altvalutaj landoj. Pro la necerteco de la hodiaŭaj prezoj ni tamen hodiaŭ ne povas garantii por la prezoj de la dua kolekto, kio dependos precipe de la nombro de la abonintoj en altvalutaj landoj. Ĉiuokaze ni kreditas la abonprezon antaŭpagitan ĉiam por la sekvanta kolekto al la pagintoj je repago en aŭstruja valuto aŭ laŭvole en akciaj partoj de nia eldonejo.

**NB.** Oni ĉiam rigardu ĉe la adresfolietoj la rimarkon, kiom da numeroj ankoraŭ estas antaŭpagitaj kaj sendu senpostulite ĝustatempe la monon por la nova kolekto. Oni montru tiamaniere vere kristanan respondecon!

**La abonprezo** estas nepre pagebla en ne malpli alta ol la nacia valuto de ĉiu abonanto. Plej bone oni sendu la monon aŭ al la ŝtata direktoro de Ika aŭ en registrita letero senpere al la eldonejo: Paŭlusverlag, Graz, Aŭstrujo, Karmeliterplatz 5.

La abonprezo por la unua kolekto (10 numeroj) estas fiksita jene:

I. Por la ŝtatoj kun plej alta valuto, t. e. Usono, Anglujo, Hispanujo, Nederlando, Svisujo ktp. 4·— naciaj frankoj.
II. Por la ŝtatoj kun malpli alta valuto, t. e. Belgujo, Francujo 5·— naciaj frankoj.
III. Por Italujo, Jugoslavujo kaj similvalutaj landoj 6·— naciaj frankoj.
IV. Por Germanujo, Ĉeĥoslovakujo, Bulgarujo, Rumanujo, Litovujo ktp. 10·— markoj ktp.
V. Por Aŭstrujo, Hungarujo 40·— naciaj kr.
VI. Por Polujo 80·— markoj.

Laŭpolitike la ĉeĥaj katolikoj estas organizataj en la „popola partio“, kies ĉefo estas Mgr. Šrámek. La popola partio havas 4500 lokajn grupojn en la ŝtato kaj disponis je 600.000 voĉoj ĉe la lasta publika balotado, kune kun la Slovakoj, kies gvidanto estas Rev. Hlinka. La germanlingvaj katolikoj de la respubliko estas aparte organizataj; ankaŭ inter ili la katolika agado lastatempe multe plifortiĝis.

J. H.

## KATOLIKA GESTUDANTARO.

En Ĉeĥoslovakujo okazis la 9. ĝis 13. de julio granda kongreso de la gestudantaro katolika, al kiu partoprenis ankaŭ grandnombre la kleruloj ĉiuspecaj. La plej grava sukceso de la kongreso estis la fondo de ligo Cirilo-Metoda de gestudantoj, per kiu oni serĉas unuigi ĉiujn samkredanojn slavajn. Oni kunlaboris ankaŭ je la starigo de internacia ligo de katolikoj gestudantoj per kuna priparolado de la plano kun la eksterlandaj delegitoj, inter kiuj ĉeestis ankaŭ la ĉefsekretario de „Internacio katolika“, Dr° Metzger. La kongreso eldonis interesan internacian gazeton „Jitro“ (La mateno) en franca, germana, hispana, itala, slovena kaj angla lingvo.

Internacia gestudantaro katolika. En Friburgo (Svisujo) okazas dum la someraj vakancoj konferencoj internaciaj por starigi internacian ligon de la katolika gestudantaro.

## EL LA PORSOBRECA MOVADO.

La movado kontraŭalkohola ĉe la katolikoj pli kaj pli fortiĝas. Preskaŭ en ĉiuj ŝtatoj nuntempe ekzistas apartaj societoj kontraŭalkoholaj de la katolikoj, ĉar oni eksciis unuflanke, ke la kunlaborado en la neŭtralaj organizaĵoj plej ofte ne estas eble al la katolikoj pro ties celoj aŭ metodoj; aliflanke oni konvinkiĝis, ke specialaj organizaĵoj de katolikoj multe pli bone povas sukcesi.

La katolikaj organizaĵoj kontraŭalkoholaj komence preskaŭ en ĉiuj landoj ne estis sindetenulaj (teetotalers), sed moderigaj aŭ temperencaj. Iom post iom ŝajne la movado estiĝas pli favora al la sindeteneco; en multaj ŝtatoj jam hodiaŭ nur ekzistas sindetenecaj organizaĵoj inter la katolikoj.

La porsobreca movado estis el la unuaj, kiuj komprenis la signifon de internacia kunigo. Ekzistas internacia organizacio ĝenerala ampleksanta ĉiujn specojn de katolikaj organizaĵoj kontraŭalkoholaj, kies prezidanto estas la ĉefministro de Nederlando, Ruys de Beerenbroeck, kaj internacia organizaĵo de katolikaj societoj sindetenulaj sub la nomo „Crux“ (Kruco), kies sidejo estas en Svisujo.

Ambaŭ destinis kunvenon ĉe la neŭtrala internacia kongreso kontraŭ la alkoholismo (22.—27. aŭgusto 1921 en Lausanne).

Bedaŭrinde ĝis nun la internacia organizacio katolika de l'kontraŭalkoholismo grandparte staris nur sur la papero. Estos grava tasko, kiel eble plej baldaŭ vere realigi kaj efektigi ĝin.

Estas dezirinde, ke en ĉiuj landoj estu destinitaj delegitoj kaj korespondantoj de nia movado por helpi laŭpove la interkompreniĝon de la kontraŭalkoholanoj ĉiulandaj kaj ties organizacioj. La oficejo de nia gazeto kaj de Ika estas certe preta helpi al tiu ĉi gravega katolika movado. —r.

Rimarko. Ni petas kontraŭalkoholanojn katolikajn en ĉiuj landoj, doni siajn adresojn al la oficejo, se ili estas pretaj kunlaboradi por plifortigi la internacian organizon de la porsobreca movado. Ili anoncu, ĉu ili estas sindetenuloj ĉu ne.

## EL LA KATOLIKA ESPERANTO-MOVADO TUTMONDA.

La katolika E-movado ĝenerale kontentige progresas en ĉiuj landoj, kvankam ankoraŭ multaj katolikaj gvidantoj ne simpatias kun nia movado. Ili konsideras Esperanton kiel ilon de la framasonaro, kiel rimedon por malutili al nia sankta eklezio. Cetere ni katolikaj Esperantistoj jam kelkfoje rifutis tiun antaŭjuĝon kaj des pli ĝojiga estas, ke en la lasta tempo Esperanto faris tiajn progresojn inter la tutmonda katolikaro. Estas vere, ke en kelkaj landoj la katolikaj Esperantistoj ankoraŭ dormas kaj ne rekomencis la laboron, tamen en aliaj landoj la movado tiel progresas, ke ni devas havi ĉian esperon, ke nia plej arda deziro, „Esperanto kiel lingvo de l' tutmonda katolikaro“ eble baldaŭ plenumiĝos. En tiu mallonga artikolo mi nur volas citi la plej gravajn progresojn de Esperanto en la katolikaro. Antaŭ ne longa tempo Rumana katolika episkopo disponis eĉ propran pastron sole por la propagando de Esperanto inter la katolikoj de sia dioceso. Li ankaŭ enkondukis Esperanton en ĉiujn katolikajn lernejojn de Rumanujo. En Italujo oni elektis lian episkopan moŝton Mrso Razzoli kiel honora prezidanto de l' Esperanto-grupo en Potenza. Ankaŭ en aliaj landoj la episkoparo kaj la pastraro iom post iom plifavoras Esperanton, kio estas bona signo. La movado faras precipe en Germanujo, Nederlando bonajn progresojn. La nombro de la lokaj grupoj de l' Germana Ligo

# Ĉiu leganto

de K. M. mendu TUJ kaj sendu la monon al la nacia direktoro de Ika aŭ senpere en naciaj bankbiletoj en registrita letero al la eldonejo Graz, Karmeliterplatz 5. Sen mono la granda entrepreno ne povos sukcesi.

de katolikaj Esperantistoj konstante pligrandiĝas. Preskaŭ en ĉiuj pli gravaj urboj de la lando ekzistas jam grupoj. La „Nederlanda Katoliko“ tre fervore laboras. En Roermond, Kerkrade ktp. novaj grupoj estas fonditaj. En Jugoslavujo, Ĉeĥoslovakujo ktp. oni klopodas starigi landan katolikan Esperantan asocion por la propagando de Esperanto inter la katolikoj. — Dum la internaciaj katolikaj konferencoj en Graz ankaŭ okazas speciala kunsido por la restarigo de IKUE.

Konsiderante la gravecon de la katolika E-movado Ika aranĝis propran internacian katolikan Esperanto-oficejon, kiu okupas sin ne nur pri la disvastigado de Esperanto inter la ĉiulandaj katolikoj, sed kiu celas esti centrejo de la tutmonda katolika Esperantistaro. Ĝi zorgos pri eldono de katolika Esperanto-literaturo pere de la eldonejo de Ika ktp.

Ĝenerale oni povas fari la konstaton, ke la katolika Esperanto movado en ĉiuj landoj bone progresas. Pro tio estas necese, ke ĉiuj opaj katolikaj Esperantistoj fervore kunlaboru por ke ni baldaŭ atingu nian belan celon.

Hans Sappl, Graz.

## LIBERA TRIBUNO.

Sub tiu ĉi titolo ni okazigas liberan elparoladon de niaj legantoj pri la problemoj interesantaj la katolikaron tutmondan. La redakcio ne volas esti responda pri la opinioj de la skribantoj sub tiu ĉi titolo. Ĉar ni nur volas servi la veron kaj interkompreniĝon, ni volonte publikigas laŭeble samtempe artikolojn el du kontraŭstarantaj vidpunktoj. Memkompreneble ni nur publikigos artikolojn skribitajn el vera spirito de amo kaj pacemeco kaj ne kontraŭstarantajn la katolikan kredon.

1. Ĉu ni katolikoj partoprenu je la kreo de la ligo de la nacioj?

Al mi ŝajnas tute senprudente kaj sensukcese, ke la katolikoj partoprenu je la klopodoj sendube nur elkreskantaj el la cerboj de framasonoj. La ideo de la ligo de la nacioj mem certe estis nur trompilo de Wilson, kiu per tio klopodis bonsukcese senfortigi la armeojn de la mezeŭropaj ŝtatoj. Neniu kredis je ĉi tiu ideo, kiu vere ankaŭ estas nerealigebla, eĉ ŝajnas kontraŭkristana, nome neanta la forton de la hereda peko. Kiaj homoj estas hodiaŭ la afergvidantoj de la ligo de la nacioj? Judoj kaj ankoraŭfoje judoj! Kaj mi demandas: ĉu ekzistas iu kiu povus kredi, ke la statuto de la ligo de la nacioj estas vere bazita sur la principoj de kristaneco, nome de reciproka justeco kaj amo? Ne! Ni katolikoj lasu la manojn de tiu ĉi instrumento de la framasonoj. Ĝi baldaŭ estos forigata per la laŭnatura forto de la historio. R. D.

Al no 1.

La kritiko de R. D. ŝajnas al mi nur parte prava, la dedukto tute malprava. La ideo de la ligo de la nacioj estas certe verekristana kaj katolika ideo, ĉar ĝi celas la subigon de ŝovinismo kaj militismo, la „anstataŭigon de la brutaj fortoj de la armeoj per la morala potenco de la justeco“ (Bened. XV., 1. Aug. 1917). Se la ideo estis propagandita precipe per nekristanoj, tio estas bedaŭrinde fakto; ni katolikoj tro malmulte pripensis la grandajn internaciajn problemojn de la politiko! Pro tio ni ne miru, se la nuna formo de la ligo de la nacioj ne korespondas al nia katolika idealo, ĉar ni preterlasis ĝustatempe havigi al ni sufiĉan influon, kiel ofte okazis ankaŭ en aliaj gravegaj rilatoj. Do ni agadu estonte pli forte kaj laŭsisteme, kaj ni sukcesos aliigi la nunan formon laŭ niaj katolikaj principoj. Ni ne tro estu pesimistoj, ĉar alie ni devus lasi la mondon al la naturaj sekvoj de la hereda peko, kio certe estas kontraŭ la Dia volo.

M. J. M.

## RIMARKOJ.

La kreo de l' Internacio katolika ne estiĝas sen grandaj malfacilaĵoj. Tio ne mirigas nin. Mirige tamen estas, ke tre ofte la malfacilaĵoj venas de la katolikaro mem. Dum jaroj ni estis preskaŭ la solaj, kiuj postulegis la kreon de la internacio katolika, ofte kontraŭbatalitaj ankaŭ de samkredanoj. Kaj nun, kiam ni komencis realigi la ideon pli kaj pli rekonitan, el ĉiuj flankoj venas la starigontaj internacion katolikan, kaj personoj antaŭe batalintaj nin kaj nian planon, nun estas en la unua rango de la iniciatantaj. Bedaŭrinde ili nun per tio denove malhelpas la aferon, ĉar oni nur bezonas unu internacion katolikan.

Internacio katolika plej bone estas tradukata: L' internationale catholique, The catholic international, Die Katholische Internationale.

La insigno de Ika estas bona reklamo por nia ideo. Ĝi reprezentas la mondglobon, krucigata per la kruco, kiun prediki tra tuta la mondo estas la ĉefa ideo de la eklezio kaj ties internacia helporganizo; meze de la kruco estas desegnita kvinpinta verda stelo kiel signo, ke la mondhelplingvo devos helpi al la unuigo de la katolikaro tutmonda. Ĉiu portu publike la belan insignon por propagandi nian altan celon. (La insignoj estas haveblaj ĉe la centra oficejo Graz, Karmeliterplatz 5.)

Al ĉiuj ekzempleroj de la gazeto estas aldonita mendilo de K. M., kiun oni tuj uzu!

## INTERNACIA POŜTO.

Al ĉ uj. „Katolika mondo“ aperas unuafoje je la 1. de aŭgusto 1921, duafoje en septembro, triafoje en oktobro, kvarafoje en novembro, kvinafoje en decembro. 1922 aperos laŭ nia plano pomonate 2 numeroj, tiamaniere ke ĝis 1. oktobro estos ensume aperintaj proks. 20 numeroj. Se la nombro de 3000 abonantoj estos atingita, ni povos eldoni K. M. posemajne. Do varbu ĉiu interesiĝanta.

P. H. en Nederlando. Certe la apogo de K. M. kiel ùnua ĵurnalo por la katolikaj interesoj tutmondaj estas vere katolika afero, ne malpli grava ol iu alia. Certe estos eble gajni kelkajn cent da abonantoj en Nederlando inter la pastroj, profesoroj, studentoj ktp.

P. M. en Francujo. Kiel Ika, tiel ankaŭ K. M. estas laŭpolitike absolute neŭtrala, nur servanta al la katolikaj interesoj tutmondaj. Vi estas prava: Estas vere plorinda fakto, ke neniu plu volas tute konfidi en ĉi tiu direkto, ĉar vere nur tre malmultaj personoj ne serĉas proprajn — ĉu financajn, ĉu naciepolitikajn ktp. — interesojn, precipe ankaŭ en la internacia agado.

# LA ELDONEJO

de K. M. estas fondita kiel akcia societo sub la nomo „PAŬLUS-ELDONEJO“, Graz, Karmeliterplatz 5. Ĉiu katoliko povos partopreni per akcioj de po 1000 aŭ. kronoj. Por eksterlandanoj precipe estas tre profitiga okazo de partopreno. Ĉiu sendu plej bone siajn naciajn bankbiletojn por la mendo de akcioj, la resto estos kreditita al li por abono de K. M.

**K. M.** ne malpermesas la represigon de la artikoloj en la naciaj gazetoj. Kontraŭe ĝi deziras la disvastigon de siaj ideoj kaj per tio la servon al la katolikaj interesoj. Nur ĝi postulas la publikigon, ke la artikolo estas tradukita el K. M., la organo de Ika.

Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5.
Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz.
Presistejo: „Styria“, Graz.